| titolo | Esperanto en Azio N-ro 57 |
|---|---|

**Esperanto en Azio (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 57 Bulteno de KAEM Septembro 2007**

**-------------------------------------------------------------------------**Jen la vico de Barato

Kongresoj de IJK, UK kaj ILEI finiĝis kun granda sukceso. Tamen ne restu trankvila en via hejmo. Jam atendas nin **la 5a Azia Kongreso** okazonta en **februaro 2008 en "Ĝardena Urbo", Bangaloro, Barato**.

La plej gravaj por nia movado estas personaj renkontiĝoj. Kiam ni vidas unuj la aliajn, nia amikeco pli fortiĝos kaj ni povos pli aktive agadi por la movado. Do, unue trovu la eblecon partopreni en la kongreso, se ne, mondonacu por la kongreso kiel "morala partoprenanto" paginte 30 eŭrojn (japanoj), 15 eŭrojn (koreoj), 5 eŭrojn (ĉinoj kaj alialandanoj) aŭ pli, kaj se ne, sendu mesaĝon al la LKK kaj KAEM kaj kuraĝigu ilin.

Vizitu TTT-ejon de la 5a AK por konstati, kiel riĉa la kongreso kaj kiel bela la urbo estas.

<http://www.geocities.com/bharato/eventoj/ak2008/ak2008.htm >

(Hori Jasuo)

**Gratulon! Taĝikio aliĝis al UEA!**

Partoprenu en la 5a Azia Kongreso

**Datoj: la 11a - la 15a de februaro 2008**
**Kongresejo: NIMHANS Convention Center (Bangaloro, Barato)**

Bangaloro situas en la suda parto de Barato (Hinda Unio) kaj la alinomo estas "Ĝardena Urbo" kun multe da parkoj kun verdaĵoj. Ĝia alia alinomo estas Silikono-Valo de Barato. Ĝia sekureco estas perfekta. Vi neniam maltrankviliĝu pri via vojaĝo.

**Programo:**

11a 14:00 Akcepto

18:00 Interkona Vespero kaj Bankedo

12a 10:00-12:00 Inaŭguro

14:00-17:00 Fakkunsidoj

19:00-21:00 Vespermanĝo kaj distraĵoj

13a 9:00-12:00 Fakkunsidoj

14:00-18:00 Duontagaj ekskursoj

14a 9:00-12:00 Fakkunsidoj

14:00-17:00 Fakkunsidoj

19:00-21:00 Vespermanĝo kaj Internacia Vespero

15a 9:00-12:00 Fakkunsidoj 14:00 Fermo

**Kotizo:** A-landoj (evoluintaj landoj) 170 eŭroj

B-landoj (Ĉinio, Malajzio, Orienteŭropaj landoj, Tajvano,

Vjetnamio, Tajlando) 120 eŭroj

C-landoj (ceteraj landoj) 70 eŭroj

*En la kotizo estas inkluditaj kvar tag- aŭ/kaj vespermanĝoj.

**Postkongresoj:**

1. Karnataka itinero: koro de regiono Karnataka
2. Laŭmara itinero: okcidenta marbordo de suda Barato
3. Norda itinero: Taĝ-Mahalo, la ora triangulo

**Informo:** http://www.geocities.com/bharato/eventoj/ak2008/ak2008.htm

**LKK:** s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>

**BRILE SUKCESIS LA 63a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE ESPERANTO (IJK63)**

**Hanojo, Vjetnamio, 27 julio – 3 aŭgusto 2007**

Partoprenis 145 oficiale aliĝintaj membroj (83 el fremdaj landoj kaj 62 enlandaj). La plej juna estis 14-jarulo el Svedio kaj la plej maljuna 79-jarulo el Ho Chi Minh Urbo, Vjetnamio. Dum la 7 tagoj de la Kongreso, 24 prelegoj, raportoj kaj fakaj diskutoj okazis en tri malsamaj salonoj kaj 2 ĉambregoj. Okazis 7 vesperaj programeroj prezentintaj vjetnaman arton, internacian arton, filmprojekciadon. Krome, LKK organizis du duontagajn ekskursojn en Hanojo kaj unu tuttagan ekskurson al Ha Long Golfo.

La programeroj de la Kongreso okazis en unu salonego kun 200-seĝoj, du salonoj kun 80 seĝoj, en Studenta Klubejo, kaj la partoprenantoj manĝis en Studenta Manĝejo kaj loĝis en Studenta Loĝejo ene de la Hanoja Fremdlingva Universitato.

**Malferma Ceremonio**

La malferma ceremonio okazis en salonego Vu Dinh Lien. Partoprenis: s-ro Vu Xuan Hong (deputito de Nacia Asembleo, prezidanto de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj–alta protektanto de la Kongreso), s-ro Nguyen Van Loi (prezidanto de VEA), s-ro Renato Corsetti (prezidanto de UEA) kun sia edzino; Haris Subasic (vic-prezidanto de TEJO), kaj aliaj reprezentantoj de diversaj asocioj, organizoj kaj raportistoj de amaskomunikiloj.

S-ro Vu Xuan Hong salutis la kongresanojn unue kaj laŭvice oni aŭdis la salutparolojn de s-roj Nguyen Van Loi, Renato Corsetti kaj Haris Subasic. Oni laŭtlegis la salutmesaĝon de s-ro Hori Jasuo (prezidanto de KAEM), kiu ne povis alveni pro preparado de UK92 en Japanio.

S-ro Tran Dac Loi (vicprezidanto de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj) prelegis pri Vjetnamio survoja al renoviĝo. S-ino Anna Lowenstein (edzino de Renato Corsetti) prelegis pri la vivo de la romianoj 2000 jarojn antaŭe. Ĉiuj tiuj prelegoj allogis la intereson de la aŭskultantoj.

**Prelegoj kaj fakaj kunsidoj**

En la 80-seĝaj salonoj okazis prelegoj kaj fakaj diskutoj pri diversaj temoj: medicino, edukado, lingvistiko, kulturo kaj internaciaj rilatoj.

En la Studenta Klubo okazis Interkona Vespero kaj Internacia Lingva kaj Gastronomia Festo. En tiu Festo, ĉiu lando havas angulon por prezenti siajn tipajn trajtojn pri sia kulturo, lingvo kaj manĝaĵo. Oni gustumis diversajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, kiel japana sakeo, itala vino, germana brando, vjetnama nem-o kaj farĉita krabo. La partoprenantoj opiniis, ke tiu Festo estas la plej interesa kaj signifoplena el ĉiuj programeroj dum IJK-j ĝisnun okazintaj.

La teretaĝo de la Studenta Gastejo estis loko por la deĵorantoj, kiuj devis solvi ĉiutagajn problemojn de la partoprenantoj. Tie oni ankaŭ vendis memoraĵojn, projekciajn filmojn, kantis, dancis kaj s-ro Tran Quan Ngoc (prezidanto de Esperanto-Asocio de Ho Chi Minh Urbo) prezentis siajn pentraĵojn kaj desegnis portretojn.

**Ekskursoj**

LKK ankaŭ organizis ekskursojn por viziti vidindaĵojn kiel la Maŭzoleo de Ho Chi Minh, la Unukolona Pagodo, la Etnologia Muzeo, la Templo de la Literaturo, la Okcidenta Lago, Ha Long Golfo kaj speciale, la kongresanoj havis okazon viziti Surakvan Pupteatron kaj Noktan Bazaron.

La Kongreso fermiĝis posttagmeze la 2an de aŭgusto. LKK resumis la rezultojn de la Kongreso, kaj prezidanto de Organiza Komitato dankis la organizantojn, la helpantojn, la organizojn kaj individuojn, kiuj kontribuis labore kaj finance al la sukceso de la kongreso.

**Ferma Ceremonio**

La ferma ceremonio finiĝis per artaj programeroj, el kiuj plej memorinda estis la fama vjetnama tradicia kanto, tradukita en Esperanto "Tra la ponto", kiu vere lasis en ni entuziasman momenton. 5 internaciaj paroj (el Germanio, Hispanio, Italio, Madagaskaro, Aŭstralio, Britio, Japanio, Koreio….) vestitaj de vjetnamaj tradiciaj kostumoj, konkursis interpretante tiun kanton en Esperanto – kiel ili rendevuis, kiel la fraŭlo senpacienciĝis, kiel ili koleretiĝis, repaciiĝis, interŝanĝis memoraĵojn, kaj kiel, reveninte hejmen ili mensogis siajn gepatrojn. Amo estas ĉiea, eterna, sed esprimo de amo malsamas depende de kulturo. Tiu lasta amatora interpretado simbolas amon, internacian amon, kaj Esperanto estas la ligilo de tiu amo…. Ni vere sentis, ke la monda kulturo unuiĝis en tiu momento.

La 63a Internacia Junulara Kongreso de Esperanto finiĝis kun belega sukceso kaj granda impreso pri Vjetnamio en la koroj de ĉiuj partoprenantoj. Post IJK, LKK ricevis multajn mesaĝojn de partoprenantoj, en kiuj ili skribis, ke ili jam lasis sian koron en Vjetnamio kaj deziras reveni por serĉi ĝin.

LAI THI HAI LY (prezidantino de IJK 63) <zamenhof@fpt.vn>

PHAM MAI LAN (sekretariino de IJK 63)

## Finiĝis la 92a Universala Kongreso kun granda sukceso

La 11an de aŭgusto finiĝis la 92a Universala Kongreso en Jokohamo, en kiu partoprenis 1901 homoj el 57 landoj, kun la kongresa temo "Okcidento en Oriento - akcepto kaj rezisto". Dum la kongreso elektiĝis nova estraro de UEA, kiun prezidas d-ro Probal Daŝgupto el Barato (Hinda Unio). UEA anoncis, ke en 2009 okazos UK en Bjalistoko, Pollando, la naskiĝurbo de d-ro L. L. Zamenhof, kies urbestro mem kongresis kaj salutis en bona Esperanto. Notindas, ke en la kongresejoj kunlaboris pli ol 300 helpantoj, kiuj subtenis la kongreson ŝvite kaj postkulise.

Detalojn pri la kongreso inkluzive de Kongresa Rezolucio bonvolu legi en "Ondas Jokohamo".

http://www.k4.dion.ne.jp/~uk2007/espe/generalo

## Japaneske sukcesis la UK

La 92a UK estis kelkpunkte rimarkinda.

Unue la oficperiodo de Renato Corsetti, kiu laboris la lastajn ses jarojn kiel la prezidanto de UEA, finiĝis kaj nove elektiĝis Probal Daŝgupto el Barato kiel la nova kun la novaj estraranoj inkluzive de Hori Jasuo el Japanio.

Due, dum la kongreso estis klare videbla la japaneska trajto; la kvanto kaj la kvalito de la programeroj, kiujn la japapa flanko preparis, estis ege pli multaj kaj bonaj ol tiuj de la pasintaj kongreslandoj.

Trie, la Kongreso antaŭenpuŝis la azian Esperanto-movadon. Ĉiun fojon kiam okazas internaciaj kongresoj en Japanio, ekzistas du obstakloj: multekosteco kaj vizo-problemo. Por solvi tiujn, Japana Esperanto-Instituto invitis 20 aziajn aktivulojn el 9 landoj. Por tiu projekto multaj japanaj esperantistoj kunlaboris, helpante ilin finance kaj invitante ilin al siaj urboj. Krom tiuj invititoj, multaj azianoj partoprenis kun la helpo de JEI pri la vizo. Dum la trihora Azia Agado pli ol 10 reprezentantoj raportis pri sia movado kaj poste la ĉeestantoj arde diskutis pri la azia movado.

Kvare, la sukceso de junulara kaj publika programo okazinta en la dua kongresejo ZAIM. Multaj urbanoj partoprenis en la programo krom la kongresanoj.

Kvine, la administrado de la kongreso estis perfekta. Japanoj estas famaj pro siaj diligenteco kaj akurateco, kiuj bone funkciis por la sukceso de la kongreso. La kongresejo estis kompakta kaj tio donis la bonan etoson al la kongreso.

Sese, la sufiĉe granda nombro da la kongresanoj. La nombro de aliĝintoj estis 1901 (1024 japanoj). Tiun superis la Pekina UK en 2004, sed konsiderinte la malfacilecon veni al Japanio, tiu nombro estis sufiĉe granda kaj kontentiga.

La 92a UK tiele sukcesis, sed la vera sukceso de la kongreso dependas de la estonteco, ĉar la celo okazigi la UK-on en Japanio estas plifortigi la movadon profitante la UK-on, memore al la 100-jariĝo de la movado. Por igi ĉi-fojan sukceson pli solida, pli da laboro estas necesa, surbaze de la bona rezulto. Renato Corsetti parolis dum la Inaŭguro: “La plej grava teĥnika rimedo estas ankoraŭ homoj pretaj labori por konvinki aliajn homojn pri bela ideo, pri bona ideo por la mondo”.

Do, la lasta alvoko estas: “Ĉu vi estas pli preta por tio?”

(el “La Revuo Orienta” oktobra numero)

## Du grandaj kongresoj

**La 39a Korea Kongreso de Esperanto**

Temo: La Vojo al Diverskultura Komunumo

Dato: 13 (sabato)~14 (dimanĉo) oktobro 2007

Loko: Hankook Universitato de Fremdaj Studoj, Seulo

Organizanto: Korea Esperanto-Asocio

**La 94a Japana Esperanto-Kongreso**

Temo: Kion Azio atendas de Japanio? Kian rolon Japanio ludu en Azio?

Dato: 26a (vendredo)~28a (dimanĉo) oktobro 2007

Loko: Hotelo Macunoi (ubro Minakami, Gunma, Japanio)

Organizanto: Japana Esperanto-Instituto ktp.

## Komuna lingvo por komuna historio

En 2005 libroj pri komuna historio inter Ĉinio, Japanio kaj Koreio estis eldonitaj en respektivaj naciaj lingvoj de ne-registaraj grupoj en la tri landoj.

La komuna historio devas esti skribita en neŭtrala komuna lingvo. Por montri la praktikan utilecon de Esperanto kaj por diskonigi la enhavon de la komuna historio, 44 pacamaj esperantistoj el la tri landoj volontule partoprenis en la traduko kaj eldono de la Esperanto-versio. Landaj Esperanto-asocioj de la tri landoj aŭspiciis la projekton. La manuskriptoj estis kontrolitaj de respektivaj landaj kunordigantoj, kaj la tuta manuskripto estis kontrolita de s-ro Rob Moerbeek, profesia UEA-provlegisto. Ĉina Fremdlingva Eldonejo paĝaranĝis la manuskripton kaj presis ĝin. Por financi la pres- kaj send-kostojn, ĉirkaŭ 600 ekzempleroj estis antaŭmenditaj. La nomoj de la tradukintoj (11 ĉinoj, 22 japanoj, 11 koreoj) kaj la financaj kontribuintoj, kiuj antaŭmendis 5 ekzemplerojn aŭ pli (15 ĉinoj, 20 japanoj, 19 koreoj, 5 alilandanoj) estas menciitaj en la libro.

La libro, "Historio por malfermi estontecon - moderna historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio" (250 paĝoj) estis eldonita en julio ĉi-jare kaj ĝi estis prezentita dum la 92-a UK en Jokohamo, Japanio.

La libro tiris tujajn atentojn de UEA-komitato kaj la UK-partoprenantoj, ĉar la projekto montras kunlaboron de pacamaj esperantistoj en la tri landoj kaj utilecon de la komuna lingvo por skribi komunan historion.

Libro pri komuna moderna historio de Francio kaj Germanio aperis en 2006 en franca kaj germana lingvoj. Ĝi povus esti tradukita en neŭtrala komuna lingvo, Esperanto.

La libro "Historio por malfermi estontecon - moderna historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio" estas mendeble ĉe UEA.

LEE, Chong-Yeong <lee@esperanto.net>

## La Komuna Seminario 25-jara

Amri Wandel (Israelo) <amri@huji.ac.il>

La ĉi-jara kongreslando instigas atenton por la azia Esperanto-movado. Aparte interesa aspekto estas movada kunlaboro - ĉu inter Esperanto-grupoj el diversaj landoj, kiel la Komuna Seminario (KS) inter japana, korea (kaj lastatempe ankaŭ ĉina) gejunuloj, kiu ĉi-jare festos sian 25-jaran jubileon, aŭ ene de unu lando, kiel la landaj kunvenoj ("kunloĝadoj") en Japanio. Al ambaŭ mi havas proksiman rilaton, pro vojaĝo al Japanio kaj Koreio antaŭ 27 jaroj, kiam mi proponis la Komunan Seminarion.

En la jaro 1980 mi realigis longdaŭran revon --- viziti Japanion kaj ties Esperanto-movadon. Mi tiam estis vicprezidanto de TEJO, kaj havis planon fondi Landan Sekcion de TEJO en Japanio. Mia unua vizito estis al la Japana Kongreso en Jokohamo. Krizantemo, kiu organizis mian vojaĝon en Japanio, aranĝis, ke mi vizitu plurajn grupojn; Esperanto-domo en Tokio, Rondo Harmonia, KLEG (Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj), Oomoto kaj pluraj aktivuloj en Kioto, Osako, Hiroŝimo, Fukuoka kaj aliaj urboj. Tiuj grupoj estis foje konkurencaj kaj eĉ rivalaj unu al la alia, kio antaŭe malhelpis fondi unu tutlandan Esperanto-organizon, kiel Landa Sekcio de TEJO aŭ Landa Asocio de UEA. Tamen mi memoras junularan kunloĝadon en Tokio, kiu estis treege gaja kaj etoso-plena. Mi amikiĝis tie kun multaj japanaj gejunuloj, kaj speciale kun japana studento, Yukio Izumi, kun kiu mi restis en koresponda kontakto dum multaj jaroj poste. Mi do proponis al la japanaj aktivuloj komenci ĉe la junulara medio, kaj provi organizi regionan internacian projekton, kiu kunigos ĉiujn apartajn grupojn en super-nacia celo kaj kunlaboro.

Tiucele mi decidis viziti ankaŭ Koreion, vojaĝo, kiu daŭris nur unu nokton per pramŝipo. Mi ne sciis, ke ĝuste en la nokto de mia ŝipvojaĝo de Shimonoseki en okcidenta Japanio al la korea havenurbo Pusan ekŝtormos tajfuno. La ondoj estis pli ol dek metrojn altaj, kaj la ŝipo ŝancelis kiel ovoŝelo. Mia stomako tuj protestis kaj tiam mi unuafoje ekspertis marmalsanon. En la mateno mi renkontis la koreajn gejunulojn en Pusan en sufiĉe mizera stato – sen dormo, sen manĝo, vominte ĉion, kion mi gustumis en la antaŭa tago… eble eĉ mia vizaĝo estis iom verdeca, sed ne pro Esperanto. Tamen, la entuziasmo kaj gastamo de la koreaj gejunuloj rapide plibonigis mian staton. Ĉiuj havis esperantajn vok-nomojn, kiuj igis la taskon memori kaj elparoli ilin multe pli facila. Knabinoj ofte havis nomojn de floroj (kiel la konata Hortensio, kiu tamen ne estis en tiu grupo). Poste ni veturis al Seulo, kie mi renkontis multajn aliajn esperantistojn kaj gejunulojn. Mi memoras de tiu vizito du knabojn – Kudrilo kaj Apro, kiu poste fariĝis pastro.

Mi parolis kun la koreaj gejunuloj pri la ideo de komuna renkontiĝo kune kun japanaj gejunuloj, en la formo de la japanaj renkontiĝoj (semajnfino aŭ pluraj tagoj), la tiel nomataj "kunloĝadoj". Oni antaŭvidis problemon: kie okazigi la unuan renkontiĝon? Se en Japanio, eble tro multekosta por koreoj, se en Koreio, eble ne sufiĉe alloga por japanoj. Estis klare, ke la unua renkontiĝo devis sukcesi, por ke ĝi havu ŝancon daŭri. Tiel necesis bone plani. Mi daŭre sekvis la aferon, kaj intertempe fariĝis prezidanto de TEJO, kio aldonis al miaj streboj kaj subteno iom da prestiĝo. Fine, en la aŭtuno de 1982, okazis la unua renkontiĝo, kaj ĝi ricevis la nomon "Komuna Seminario inter korea kaj japana junularoj", aŭ mallonge, KS. Partoprenis kelkdekoj da gejunuloj, kaj ĝi havis prelegan, diskutan kaj distran programon, kiel ĉiuj Esperanto-renkontiĝoj. Oni ankaŭ parolis pri la estontaj renkontiĝoj.

Poste la KS okazis regule ĉiujare, alterne: foje en Koreio kaj foje en Japanio. La unuajn KS-jn mi sekvis persone, kaj la organizantoj ĉiam sendis al mi detalan programon kaj raporton. En pli posta fazo ankaŭ ĉinaj gejunuloj aliĝis al la kadro de la Komunaj Seminarioj. Fine de la okdekaj, kiam mi ne plu aktivis en TEJO kaj malofte aŭdis pri la KS, TEJO decidis elekti min kiel honoran prezidanton, kaj unu el la ĉefaj motivoj estis mia iniciato de la Komuna Seminario.

Ĉi-jare, kvarono da jarcento poste, kiam UEA kaj TEJO kongresas en orienta Azio, ni povas retrorigardi – ne nur nostalgie, sed ankaŭ por konkludi kaj lerni de la spertoj de la KS por internacia regiona kunlaboro en orienta Azio.

## Singapuro

**Mia renkontiĝo kun singapuraj esperantistoj**

Razen Manandhar (Nepalo) razeno@gmail.com

Mia vizito al Singapuro estis tute hazarda. Venis al mi invito por partopreni en ĵurnalista seminario pri akvo kaj saneco. Per www.lernu.net, mi konis kelke da esperantistoj tie kaj mi planis, ke mi renkontos ilin post mia konferenco.

En la lasta tago mi atingis la faman Bugis-Junction-restoracion je la sepa horo vespere. Post longa serĉado en la ĥaosa kaj brua manĝejo, min vokis iu virino kun knabo. Ili povis koni min, eble dank' al mia Esperanto-ĉemizo.

Post mallonga ripozo, ni aĉetis manĝaĵojn kaj komencis nia diskuto pri Esperanto-movado en Singapuro. Estis tie kvin gesamideanoj: s-ino Zend DV (malajziano), s-ro Frank Stephan (germano), s-ino Jenny Koh (sekretario de Singapura Esperanto-Asocio), s-no Sing Siok Hui, s-ro Goh Chok Kun. Bedaŭrinde mi ne povis renkonti s-ron Yong Tet Kong, kiu estas la plej aĝa esperantisto en Singapuro kaj prezidas la asocion.

Ĉar mankas regula kunveno, ili ne havas bonan praktikon de la lingvo. Sed ili bone komprenis min. Mi tre ĝojis, ke Esperanto-etoso ja vivas en Singapuro. Mankas al ili oficejo, kunvenejo, lerno-materialo kaj gvidanto. Aliajn aferojn ili bone kapablas aranĝi, sed plej grave, al ili mankas tempo.

**Letero de s-ino Siok Hui el Singapuro** Siok Hui siokhui60@hotmail.com

Mi ekkonis Esperanton preskaŭ dudek jarojn antaŭe en kurso, en kiu estis multaj lernantoj, eble pli ol sesdek. Post kelkaj semajnoj lernantoj malpliiĝis, sed ni daŭrigis la renkontiĝon kelkajn jarojn ĝis nur malpli ol dek membroj ĉeestis. Ekde tiam ni ne renkontiĝis regule. S-ro Yong, nia plej maljuna esperantisto, provis kunvenigi nin multajn fojojn malfacile sed vane, ĉar nur malpli ol kvin ĉeestis kaj ni krokodilis.

Frue ĉi-jare, s-ro Frank Stephan, profesoro de universitato en Singapuro, invitis nin por la kunveno en sia loĝejo, poste ni decidis, ke ni renkontiĝu ĉiun duan monaton.

**(de KAEM)**

Ni aldonis iliajn adresojn en la sendliston de “Esperanto en Azio” kaj jam ni havas kontakton kun ili.

## Bangladeŝo

**Letero de s-ro Mahbubul Huq**

Saluton! Mi tre ĝojas ricevi vian mesaĝon. Mi ne povis respondi frue, ĉar mi devas uzi vortaron, kiam mi skribas Esperanton. De 1969 ĝis 1999 mi laboris en la aerarmeo. Poste mi emeritiĝis el la aerarmeo kaj mi laboris en la Konsilantaro de advokatoj dum 2000-2001. Nun mi estas dungito de organizo, kiu donas edukadon al infanoj de malriĉaj familioj. Niaj lernantoj estas adoleskantoj (10-17-jaraj). Ni kuraĝigas infanojn laborantajn aŭ surstratajn vizitadi lernejon. Ni havas specialajn programojn konvenajn kaj utilajn por ili. Ni donis al ili edukadon ĝeneralan kaj metian. Ni ankaŭ serĉas metiojn por ili en bonaj organizoj.

Mi naskiĝis en Dhaka kaj mi loĝas en Dhaka kun mia familio (patrino, edzino, kiu estas instruistino, kaj filino, kiu estas studento en Universitato de Dhaka). Mi havas 55 jarojn. En la radio-programo de BBC mi aŭdis pri Esperanto antaŭ longa tempo. Mi serĉis kaj trovis la adreson de UEA en Enciklopedio Britanica. UEA donis al mi adreson de Brita Esperanto-Asocio en Londono kaj mi sekvis la korespondan kurson. Sed dum mia servado en la aerarmeo estis malpermesite korespondi kun fremdaj homoj. Mi ne povis praktiki paroli Esperanton. Mi ne povis konvinki miajn amikojn lerni la lingvon speciale, ĉar mi estis militisto. Ĉi-tiuj montris intereson nur lerni kaj plibonigi la anglan lingvon. Dume mi preskaŭ forgesis tion, kion mi lernis.
Antaŭ kelkaj monatoj, kiam mi vidis la eblecon viziti Kopenhagon en februaro 2007, mi rekomencis studi Esperanton. Mi havis deziron renkonti esperantistojn en Skandinavio. Mi tre ĝuis mian viziton al la klubo en Kopenhago. Mi neniam antaŭe vidis esperantistojn antaŭ tio. Efektive mi ne renkontis eĉ unu esperantiston en Bangladeŝo.
Duan fojon mi renkontis esperantistojn en Oslo, kie mi ricevis helpon de tiea Esperanto-klubo dum mia mallonga vizito. Mi memoros mian viziton en Skandinavio speciale, ĉar mi povis renkonti esperantistojn kaj parolis Esperanton kun ili. Antaŭ mia vizito Esperanto estis por mi nur teorio, sed nun ĝi estas praktika kaj vera. Kiam mi vizitis la klubojn en Kopenhago kaj Oslo, mi ricevis varman kaj koran bonvenon. Kopenhago kaj Oslo kuraĝigis min komenci lerni Esperanton denove.
Nun mi rekomencis lerni Esperanton kaj mi decidis korespondi kun esperantistoj en aliaj landoj. Eble mi havos okazon/ŝancon viziti aliajn landojn future kaj renkonti aliajn esperantistojn. Mi volas partopreni en la 5a Azia Kongreso en Bangaloro por amikiĝi kun aziaj esperantistoj, precipe tiuj el Nepalo kaj Barato. Mi komencis lerni Esperanton, ĉar mi kredas internaciajn frataron kaj amikecon, kaj mi trovis la lingvon interesa.

Muhammad Mahbubul Huq <huq_mahbubul@yahoo.com>

## Mongolio

### Nova estraro elektiĝis

Tsogbadrakh Tulshig <t_badrakh@yahoo.com>

La 1-an de decembro 2006, Mongola Esperanto-Societo leĝe registriĝis ĉe la ministerio pri justico kaj internaj aferoj, kaj antaŭ nelonge ricevis atestilon kaj sigelon de nia societo.
Membroj de Mongola Esperanto-Societo kunsidis la 7-an de julio 2007, en Instituto (kolegio) pri sociscienocoj, kaj aprobis novan statuton de la societo kaj elektis Gvidan konsilion kaj sekretariojn jene:

**A. Konsisto de la konsilio:**
1. Prezidanto s-ro Tserendagva Enkhee (rektoro de Instituto pri sociscienocoj)
2. S-ro Dugar Altankhuyag (advokato kaj notariisto)
3. S-ino Myagmar Altantsetseg (oficistino de usona ambasadorejo)
4. S-ro Banzar Damchaa (fama kino-aktoro)
5. S-ro Balduuz Dorj (historiisto)
6. S-ro Sh Yansanjav (kibernetika inĝeniero)

**B. Sekretarioj:**
1. S-ro Chimedtseren Enkhee (ĝenerala sekretario)
2. S-ino Dagva Gereltogtokh (instruado)
3. S-ro Deshigsuren Ganbaatar (financo)
4. S-ro Dogsuren Khu relbaatar (kulturo)
5. S-to Tulshig Tsogbadrakh (informado)

Oficejo de Mongola Esperanto-Societo enlokiĝas en la Instituto (kolegio) pri sociscienocoj (ĉambro-numero 206). Ni ĉiusabate je la 15-a horo kunvenas. Bonvolu lokaj kaj eksterlandaj esperantistoj viziti nian kunvenon. Unu dungita oficistino laboras ĉiutage.
Adreso: Bayanzurkh distrikto, 2-a subdistrikto, #3, Instituto
(kolegio) pri sociaj sciencoj (oriente de Manba Datsan Templo).
Ekde venonta septembro en la Instituto (kolegio) pri sociscienocoj, instruatos Esperanto kiel deviga studobjekto (32+32 horoj dum 2 semestroj) al studentoj de 1-a kurso de turisma fako. Studentoj de aliaj fakoj povos lerni Esperanton elekteble (32+32+32 horoj). Respondeculoj kaj kelkaj instruistoj de la Instituto (kolegio) jam eklernis nian lingvon.

### Mongola Kongreso, Azia Kongreso, UEA-membreco

Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

Mi estas tre ĝoja informi al vi ĉi-suban mesaĝon.

La 23-an de julio 2007 (sabate), Gvida konsilio de Mongola Esperanto-Societo jam decidis jene:
1. Okazigos la 2-an Mongolan Kongreson de Esperanto dum la 12-13

oktobro 2007 en Ulanbatoro. (*poste ĝi estis prokrastita ĝis junio en 2008)
2. Petos Estraron de UEA por ke Mongola Esperanto-Societo aliĝu al UEA kiel landa asocio.
3. Kandidatiĝos por inviti la 6-an Azian Kongreson de Esperanto en jaro 2010 al Ulanbatoro, ĉefurbo de Mongolio.

(*Tiun invitilon jam KAEM ricevis.)

## Malajzio

Lim Hung Cheak <limhungcheak1985@yahoo.com.sg>

Mi eklernis Esperanton antaŭ unu jaro. Mi estas studento el Malajzio kaj nun loĝas en Japanio. Mi volas disvastigi Esperanton en Malajzio kaj nun estas unu nova grupo, farita por 'Esperanto en Malajzio'. Bonvolu iri al

http://groups.yahoo.com/group/esperanto-en-malajzio/
Ne estas multaj esperantistoj nun en Malajzio, tamen ni povas sciigi homojn el Malajzio pri Esperanto. Estos certe homoj, kiuj ŝatos Esperanton, se ili SCIOS pri la lingvo. Mi esperas kaj ankaŭ vi certe esperas, ke ni povos babili esperante, vive en Malajzio, ĉu ne? Ni esperas. Ni esperantas.

## Pakistano

### CCB, nome de Esperanto

Zakiya Siddiqua <zakiya12@ yahoo.com>

Ĝenerala sekretariino de CCB

CCB estas Civitana Socia Direktoraro/Administrantaro aŭ Komisiono. Ĝi havas 25 jarojn kaj unu prezidanton kaj unu ĝeneralan sekretarion. Mi registris unu projekton de CCB nome de la Esperanto-grupo, kiun nia loka Registaro aprobis. S-ro Shabbir Ahmad Sial gvidas min. Sub la projekto ni komencos unu virinan teknikan lernejon, kiu havos du fakojn.
1. En unu fako ni instruos al virinoj teknikajn laborojn, brodadon, kudradon

kaj aliajn.
2. En dua fako ni establos fabriketon, kie ili brodados per la helpo de

maŝinoj kaj ili komercos aŭ dungiĝos.
Plie en Multano ni regule okazigas kunsidojn de nia virina klubo en la hejmo de s-ino Bushra Khanum, kiu estas nia prezidantino. S-ro Shabbir, ĉef-zorganto de nia Virina Klubo, ofte veturas al Multano kaj zorgas pri nia klubo.
En la nunaj tagoj s-ino Bushra helpas al s-ro Shabbir por prepari la anglan eldonon de unu lernolibro.

## Uzbekio

### "La Mondo Gratulas Samarkandon"

Anatoli Ionesov <imps@rol.uz>

La 17-an de majo, honore al la Internacia Tago de Muzeoj, en la Samarkanda Ŝtata Muzeo ni inaŭguris la novan internacian ekspozicion "La Mondo Gratulas Samarkandon", dediĉe al 2750-jara jubileo de nia hejmurbo. Rigardu la ruslingvan materialon aperintan ĉe la tutlanda Interret-portalo: http://culture.uzreport.com/news.cgi?lan=r&id=32136
La inaŭguran ceremonion partoprenis kaj salutparolis ankaŭ esperantistoj el Svislando kaj Francio. La inaŭguro estis filmita de la regiona televido.
En aŭgusto ni planas pliampleksigi la ekspozicion per la nova sekcio "Samarkando en Ĉiuj Kontinentoj".
Ĝis revido en ...2750-jara Samarkando!

## Ĉinio

### Novaĵoj el Liaoning

Wu Guojiang amikeco999@21cn.com

1. En n-ro. 2 "FAMULOJ" (CELEBRITIES en angla versio) 2007, granda gazeto eldonata de Ĉinio kaj aĉetebla ĉe agentoj en Singapuro, Germanio, Malajzio, Japanio, Koreio, Tajlando, Usono, Kanado, Aŭstralio,Tajvano kaj Makao aperis du artikoloj de du esperantistoj s-ro Jiang Wenge kaj s-ro Shi Chengtai pri komentario al la libro "Evolua Historio de Esperanto" kompilita de s-ro Liu Zhenkun, prezidanto de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) kaj s-ro Song Yunsheng, eksa honora prezidanto de LEA. Krome tiu ĉi numero speciale prezentis la biografion de s-ro Liu Zhengkun, kun foto en laboro.

2. En majo 2007 projekto nomita "Altigo de Kultura Kvalito" estis funkciigita en Liaoning-Universitato. 17 profesoroj de la universitatoj estis elektitaj kaj invititaj fari prelegojn koncerne tiun temon. La 31-an de majo, pli ol 350 studentoj interese aŭskultis la prelegon de profesoro Liu Zhengkun, prezidanto de LEA, kun la temo "Idealo kaj Kultura Valoro de Esperanto".

3. La 1-an de septembro 400 studentoj en nova semestro elektis Esperanton kiel nedevigan studobjekton en kvar kursoj funkciigitaj en Shenyang-Universitato.
4. La 8-an de septembro 118 studentoj anoncis sin por du Esperanto-kursoj en Liaoning-Universitato, sidejo de LEA, kaj plue 80 studentoj eniris en kurson de Evolua Historio de Esperanto en la sama universitato.

5. Post reveno de ĉefaj estraranoj de LEA al Ĉinio el la Jokohama UK, krom tio, ke LEA ĝustatempe raportis la 92-UK-on al la koncernaj departementoj de la provinca registaro, ĝi plenumis por alveno de nova semestro streĉajn kaj sisteman laborojn:
(1) elekti E-instruistojn, inkluzive de disponeblaj instruistoj por aliaj kelkaj universitatoj, kiuj planos enkonduki Esperanton.
(2) represi 1000 lernolibrojn "Esperanto-kurso de La Nova Jarcento"
(3) elekti Esperanto-kurson en Liaoning-Universitato kiel provo-unuon de Masanori-Metodo pri Esperanto-instruado akirita el s-ro Nakatu Masanori dum vizito al la urbo Takatuki post la 92-a UK.

### Esperanto-seminario en la budhisma templo

Augusto Casquero <augustocasquero@hotmail.com>

La 24an de junio okazis en la belega budhisma templo "Duobao" (la signifo estas "multaj trezoroj"), en la urbo Sanmen ("tri pordoj"), oriente de Ĉinio, seminario-kurseto pri la didaktiko de Esperanto.
Ĉi tiu konsistis el du klasoj, po du horoj, por la budhismaj bonzoj kaj aliaj ĉeestantoj, kun ĉeesto de s-ro Miaohui, bonzo de tiu templo, organizanto de la seminario, kaj profesoroj de Esperanto, s-roj He Benfa, esperantisto el Anhu, kaj Liu Baoguo, instruisto de Esperanto en universitato de Hefei. Gvidanto de la seminario estis Augusto Casquero. Unuafoje en sia vivo li instruis piednude.
La sperto estis ege interesa kaj pozitiva kun la etoso varma kaj la vetero varmega. Ĉiuj ĉeestantoj aktive partoprenis la klasojn kun granda intereso. Ili petis ripeti tiun seminarion en alia momento, sed pli longa, por bone lerni la teknikojn de la instruado de Esperanto.

### La dua Okcidento-norda Esperanta Kongreso

<weishan123@hotmail.com>

Dum la 29a de junio ĝis la 1a de julio 2007 okazis la dua Okcidento-norda Esperanta Kongreso en urbo Xining, Qinghai-provinco. 57 esperantistoj venis el Gansu, Shanxi, Xinjiang, Qinghai, Anhui, Guangdong, Hubei, Jiangsu kaj Baotou. La kongreso estis organizita de Qinghai Esperanta Asocio. La kongreso ricevis multajn gratulajn leterojn el diversaj provincaj Esperanto-organizoj kaj esperantistoj. La kunvena temo estis "Ni starigu Oran Ponton per Esperanto por konstrui la harmonian socion". La kunveno decidis ke la 3a Okcidento-norda Esperanta Kongreso okazos en Xinjiang-provinco post 3 jaroj.

Tajvano

**Esperanto en Mez-alta Lernejo Ping-rong**

Reza KHEIR-KHAH <rezamenhof@yahoo.com>

Esperanto en Mez-alta Lernejo Ping-rong jam la trian jaron. Ankaŭ ĉi-jare tiu lernejo akceptis Esperanton kadre de sia eksterkursa lecionaro, kaj dum 2 semestroj ni havis kurson ĉiun merkredon dum unu horo. En la komenco aliĝis 25 studentoj, el kiuj 14 sukcese finis la kurson kaj ricevis atestojn belajn. Gvidis la kurson Reza Kheir-khah kun asisto de f-ino CHUANG Yin-Hua (Ingrid). Ni uzis BEK-kurson de Dennis Keefe, kiu nun estas la plej uzata lernolibro en Tajvano. Atendata estas la eldono de ĝia vortlisto.

En la lasta tago de la kurso (la 13an de junio) la lernejestro ĉeestis nian kurson por disdoni la atestojn. Li parolis pri la graveco de lernado de Esperanto kaj ĝia utilo. Simone Robert, novzelanda esperantistino, nun loĝanta en la urbo Pingdong, venis kiel gasto kaj faris prelegeton pri la Internacia Lingvo.

Post la kurso, ni disdonis KD-ojn de LERNU al la gestudentoj, por ke ili poste povu memlerni; la KD-ojn kaj atestojn preparis David Liu, kiu multe kontribuas al nia movado per komputilaj laboroj.

**Srilanko**

**Ni gvidas Esperanto-kursojn por infanoj**

Mi estas instruistino de elementa klaso de De Mazinod College. Mi laboras kiel kasisto en junulara sekcio de Srilanka Esperanto-Asocio kaj gvidanto de Esperanto-kursoj por infanoj. Ni helpas organizi Esperantajn aferojn en Srilanko. Mi helpas fari lernilojn en la asocio. Mi amas Esperanton kaj klopodas disvastigi ĝin. (B. Padmaravi Rodrigo)

Mi estas juna aktivulo en Esperanto en la junulara sekcio de Srilanka Esperanto-Asocio. Mi kondukas Esperantajn programojn ĉiun jaron: kursojn kaj ekspoziciojn por propagandi Esperanton. Mi estas Esperanto-kursgvidanto por infanoj. Ni faras Esperantajn lernolibrojn kaj legolibrojn, kiuj aperos en 2007 en presformo. (Shanika Gunasekara)

**Nepalanoj vizitis IJK-on tra Ĉinio**

Antaŭ la IJK, KAEM timis, ke ĝi malsukcesos pro manko de aziaj partoprenantoj krom vjetnamaj. Pro tio KAEM decidis sendi 6 homojn el Nepalo kaj unu homon el Koreio. La financo por tio ne sufiĉis, kaj la n nepalanoj kovris unue partoprenantoj mem, kaj due Nepala Esperanto-Asocio kaj trie bonvolaj eksterlandaj subtenantoj. Ili vojaĝis tra Ĉinio, renkontante ĉinajn esperantistojn survoje. Ili multe kontribuis al la multe spertis Esperanto-mondon.

**S-ro Probal Daŝgupto (Barato) iĝis prezidanto de UEA**

S-ro YU Tao (Ĉinio) eksiĝis de sia estraraneco de UEA, kaj nove s-ro Probal Daŝgupto kiel la prezidanto kaj s-ro Hori Jasuo kiel estrarano laboros por UEA dum la venontaj 3 jaroj.

**Fakkunsidoj rilatantaj al la Azia E-movado**

**Dum la UK en Jokohamo**

Okazis tri fakkunsidoj rilatantaj al la azia E-movado:

1. "Esperanto-movado en suda kaj orienta Azio" (la 6an de aŭgusto, kadre de Kleriga Lundo, prezidis s-ro LEE Jung-kee)

2. Fermita kunsido de KAEM (la 5an de aŭgusto)

3. Azia Agado (la 6an de aŭgusto)

**Fermita Kunsido de KAEM**

**Ĉeestantoj:**

Komisionanoj: Rao (anstataŭanto de Salam, Barato), Indu (Nepalo), Jiang (anstataŭanto de Wang, Ĉinio), LEE (Koreio), Reza (Irano), Hori (Japanio)

Landaj reprezentantoj:

LEE Hong-jin (Koreio), Razen (Nepalo), Saidnabi (Taĝikio), Hazairin (Indonezio)

**Diskuttemoj:**

1. Elekto de novaj KAEM-komisionanoj

Landaj asocioj aliĝintaj al UEA elektos KAEM-komisionanon po unu antaŭ la AK kaj elektitoj kunvenos dum la AK en Bangaloro

2. Kiel disvastigi Esperanton en la tuta Azio

(1) Profitante la 5an AK-on en Barato, ni fokusu al la centra kaj la suda Azio: Bangladeŝo, Srilanko

(2) Helpu la filipinan movadon

3. Monhelpo al lernolibro kaj vortaro de Pakistano.

Pri tio ni ne decidis, kaj KAEM atendas la buĝeton de la eldono.

4. Kiel sukcesigi la 5an Azian Kongreson

Ni decidis laŭlandajn celnombrojn de la partoprenontoj kaj aliajn aferojn.

5. La 6a Azia Kongreso
Koreio (Busano), Ĉinio (Pekino), Mongolio (Ulanbatoro) kaj

Vjetnamio (Ho Chi Minh Urbo), Pakistano havas intencon okazigi la 6an AK. Pri tio ni diskutos en la 5a AK en Barato.

6. Eldono de Gvidlibro de KAEM ĝis la 5a AK.

7. Aligi Mongolion al UEA

**Azia Agado**

Pli ol cent homoj ĉeestis la kunsidon. Unuan parton prezidis s-ro LEE Jung-kee. Unue li montris la bildojn de landaj asocioj sur la ekrano. Due Hori kiel la prezidanto raportis pri la agado de KAEM en la pasinta jaro kaj pri la projekto de KAEM kaj laborplano. Poste landaj reprezentantoj raportis pri siaj agadoj. Jenaj landoj raportis: Barato, Ĉinio, Indonezio, Irano, Japanio, Koreio, Malajzio, Mongolio, Nepalo, Pakistano, Taĝikio kaj Vjetnamio. Nombro de raportintoj estis la plej granda en la pasintaj Aziaj Agadoj, dank' al "la Invitprojekto de Aziaj Aktivuloj el Azio" de JEI.

Poste venis la tempo por la diskuto. Multaj partoprenis en tiu ĉi diskutado. Jen estas demandoj kaj opinioj levitaj:

1) Pri la financo: kiamaniere KAEM uzas la buĝeton?

2) Pri la azia kongreso: imitu aŭ ne imitu la UK-on.

3) Pri la rolo de landaj asocioj: peru la partoprenojn de siaj membroj al UK kaj AK por faciligi tion.

4) Pri KAEM: KAEM-anoj kunlaboru, ne lasante ĉiun laboron al unu, du homoj. Estas strange, ke nur Hori kaj LEE prezidas kaj aliaj KAEM-anoj sidas inter la ĉeestantoj.

5) Pri tiu ĉi kunsido: ne sufiĉas tempo por la diskuto. Tro longaj raportadoj. Oni devos esti pli lertaj pri la raportado kaj havu sufiĉan tempon por la diskutado.

Fine s-ro Hori, prezidanto de KAEM, substrekis jenajn punktojn:

1) Esperantistoj en la evoluintaj landoj helpu kaj subtenu esperantistojn en evoluantaj landoj kaj vizitu ilin.

2) Havu leteramikojn kaj retamikojn

3) Plialtigu vian Esperantan kapablon

4) Havu ŝancon koni unuj la aliajn vid-al-vide

5) Konsciu, ke Esperanto ne estas persona distraĵo. Se vi ĉesos labori por

Esperanto, viaj gefiloj, genepoj kaj ĉiuj venantoj post vi ne povos ĝui

tian bonŝancon. Azianoj turnu sin al Azio, kaj ĝuu Esperanton kune kun

esperantistoj en Azio.

En la lastaj Aziaj Agadoj ĉiam estis kritiko pri la tempo-manko por la diskuto. Do ni mendis 3 horojn da kunsido por ĉi-foja Azia Agado, tamen ankoraŭ mankis tempo pro tro multe da landaj reprezentantoj kaj parte pro la mallertaj raportadoj, tamen ĉi-foja Azia Agado estis tre riĉa kaj emocia, kaj estos grava paŝo por nia movada disvolviĝo.

**Mondonaco de Koreio al Fondaĵo Azio**

35 koreaj esperantistoj donacis entute 525,000 ŭonojn al Fondaĵo Azio de UEA. La mono estis transdonita al la kasisto de UEA dum la UK. Ni dankas ilin pro ilia bonkoreco. Eldono de "Esperanto en Azio" multe dependas de la mondonaco de koreoj kaj japanoj.

Jen estas la nomoj de donacintoj:

1. S-ro MA Young-tae 2. S-ro KIM Jae-won 3. D-ro LEE, Chong-Yeong

4. S-ino Min Jung-jin  5. S-ro PARK Yongsung  6. S-ro GONG Kil-yun
7. S-ino LEE Nam-haeng  8. S-ino PARK Young-sook  9. S-ino KIM In-so
10. S-ro YANG Seong-ji  11. S-ro LEE Hyun-hee  12. S-ino PARK Mi-ran
13. S-ino PARK So-eun  14. S-ino JEONG Ji-yun  15. S-ro WON Ik-sun
16. S-ino KO Young-hee  17. S-ro CHANG Jin-soo

18. S-ino PARK Su-hyun  19. S-ro JEON Dae-bong

20. S-ro LEE Hong-jin  21. S-ro LEE Jung-kee  22. S-ino KIM U-son
23. S-ro PARK Chong-young  24. D-ro PARK Hwa-jong

25. S-ro KIM Churl-min  26. S-ro IM Han-u  27. S-ino LEE Chung-won
28. Prof. CHO Sung-Ho  29. S-ino YU Young-ae  30. S-ino OH Soon-mo
31. S-ino KIM Young-ok  32. S-ro LEE Jeong-ui

33. S-ino MIN Hyun-kyung  34. S-ro BE Jong-tae  35. S-ro CHOI Yoo-sik

**Membriĝu al UEA** **subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"**

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen kiel esperantisto, vi nepre volas esti membro de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM, kaj vi tuj estos membro de UEA senpage kaj ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolita esperantisto, sed vi estos en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**
Skribu jenajn tri aferojn kaj sendu prefereble per poŝto al KAEM (p/a Japana Esperanto-Instituto).
1) Konciza sinprezento (nomo, adreso, naskiĝdato, profesio ktp.)
2) Kiel mi aktivis por nia movado en 2007 kaj aktivos en 2008.

Sendu poŝte al KAEM: p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Limdato: la 20a de decembro 2007.

**Notoj:**

1) Kiam vi sendos la peton, **skribu klare vian nomon kaj adreson**!! Nepre skribu **en Esperanto**, ne en via gepatra lingvo.

2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj loĝantaj en la sama adreso.
3) Skribu "Projekto C" sur la koverto.

4) Nomoj de akceptitaj membroj aperos en "Esperanto en Azio".

*** Ĉiun jaron ni havas malfacilan tempon por malĉifri/kompreni skribaĉon. Se vi skribus malklare, vi povus perdi rajton estiĝi membro de UEA.**
* En 2007 UEA membrigis 150 homojn jene: Ĉinio (52), Filipinoj (3), Indonezio (1), Kamboĝo (1), Kazaĥio (2), Mongolio (2), Nepalo (3), Pakistano (12), Srilanko (1), Taĝikio (4), Turkio (1), Vjetnamio (68)
*En 2008 petu precipe el Irano, Barato kaj sendependiĝintaj landoj en eksa Sovetunio. (Respondecas Wang Ruixiang)

**Projektoj de KAEM**

**Projekto A: Azia Kongreso**
A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne

pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**
B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, majo kaj septembro
ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la

eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:
Japanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron" ĉiun jaron kaj "Gvidlibron" en 2008

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter aziaj urboj kaj E-kluboj

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**
C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili

ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de

Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj

laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo

aŭ vojaĝkosto laŭ bezono

**Projekto Ĉ: Edukado**
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj
**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj

ks. Pagi sendkoston por tio
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj kaj asocioj

**Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj**
1. Japanio: s-ro HORI Jasuo (prezidanto) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Ĝenerala afero, Azia Kongreso, kontakto kun UEA, regularo, Jarlibro de KAEM, "Esperanto en Azio" (redaktado)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto) <tqngoc@hcm.vnn.vn> Projektoj Ĉ kaj D (Edukado kaj libroj)
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com> Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA)
4. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (sekretario, kasisto) <esperanto@saluton.net > Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK
5. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
6. Barato: d-ro Abdul SALAM <helpo@vsnl.com> Preparo por la 5a AK
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com> TTT-ejo de KAEM, eldono de "Gvidlibro de KAEM" (libro pri la Azia Esperanto-Movado eldonota en 2008)
8. Nepalo: Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>Movado en Sud-Azio

9. Taĝikio: (provizore) Saidnabi S <saidanbi@mail.ru>

**Nomlisto de Subkomisionanoj de KAEM**
Projekto C s-ro HAZAMA Hirotomi

Esperanto en Azio s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Buĝeta kaj sekretaria aferoj s-ino CHO Myung-ja
s-ino CHOI Eun-suk

**Prezidanto de UEA** S-ro Probal Daŝgupto <probal53@yahoo.com>

**Estrarano de UEA pri regiona kaj landa agadoj** S-ro HORI Jasuo (Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

-------------------------------------------------------------------------------------------
**Esperanto en Azio (N-ro 57)**
Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

Adreso de KAEM:

p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>

TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/> <http://www.jei.or.jp/kaem/kaem_kap.htm>
Redaktoro: HORI Yasuo

